# INTERNACIA FERVOJISTO




**ORGANO DE I.F.E.F.**

**INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO**

27-a jaro | MARTO-APRILO 1975 | N-ro 2

La « Wörthersee » (tuttaga ekskurso)




# — SALZBURG —

Programo

por la postkongreso en Salzburg,

17-a - 19-a de majo 1975

**Sabato 17.5.:** post tagmeza alveno (13a38) akcepto kaj salutado de la partoprenantoj en la ĉefstacidomo Salzburg. Konduko al la tranoktejoj (en grupoj laŭ numeroj).
Vespere je la 20a: Koncerto de la fervojista muzikorkestro - Salzburg, sub la moto « Fervojistoj ludas por Fervojistoj », en la Laborista Ĉambro (Arbeiterkammer), Auerspergstr. 13.

**Dimanĉo 18.5.:** aŭtobusa ekskurso tra « Salzkammergut ».
Vespere je la 20a: Amuza vespero kun muziko en la « Gablerbraŭkeller », Linzergasse 9, enirejo: Dreifaltigkeitsgasse.

**Lundo 19.5.:** vizito kaj gvidado tra la urbo.
adiaŭo.

**Rimarko:** Dum la 27-a IFEF-Kongreso en Villach funkcios speciala giĉeto por partoprenontoj kaj interesuloj al la postkongreso en Salzburg.
La kongresan karton vi ankaŭ ricevos tie, same pluajn informojn.
Ĝis 1-an de marto aliĝis 112 personojn al la postkongreso.

---

## GRAVAJ ENHAVAJOJ



---

## INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO - FEDERACIO

**Sekretariejo : E. Kruse, D-6 Frankfurt (M)74, Wienerstrasse — 121, GERMANIO**
**Redaktoro : Guy Delaquaize, 52, rue L.-Gandillet, 78420 Carrières/Seine, FRANCIO**
**Bankkonto : Provinsbanken — DK 9800 — Hjorring — DANIO**




# LKK-27-a IFEF-Kongreso

## Informservo komunikas :

27-a KONGRESO DE IFEF en VILLACH - AŬSTRIO

10-a ĝis 16 a de majo 1975

Kongresejo : KONGRESSHAUS — VILLACH (A-9500)

Konstanta adreso : 27-a IFEF-Kongreso, Schliessfach 117, A-1103 Wien. Bankkonto : SPARDA VILLACH, Bahnhofplatz 4, A-9500 VILLACH, Konto nr. 090-060, 27-a Esperanto Kongreso de IFEF.

| Kongresa kotizo : | ĝis 14.4.75 |
|---|---|
| a) Kongresano | aŭ - ŝ - 320 |
| b) Familianoj, pensiuloj, junuloj ĝis 20-j | - - 160 |
| c) Simpatianto (ricevos Kongresaĵojn) | - - 60 |

- Statistiko de la aliĝintoj ĝis 8.3.1975 : Aŭstrio 75, Belgio 14, Britio 2, Bulgario 26, Ĉeĥoslovakio 37, Danlando 21, Finlando 2, Francio 48, Germanio 88, Hispanio 16, Hungario 13, Italio 29, Jugoslavio 48, Nederlando 42, Norvegio 4, Pollando 1, Svedio 12 kaj Svislando 10 ; entute 488 pers.

- LKK ankoraŭ akceptos aliĝojn ĝis la 20-a de aprilo 1975, se vi havas la oficialan aliĝilon bv. uzi paperon DIN A 5 (21 x 15 cm).

- En la stacioj de Villach funkcios je via alveno informservo, la akceptejo troviĝos en la kongresejo « Kongresshaus ».

- Anhoraŭ ne menditajn ekskursajn dezirojn vi povus prizorgi dum la unuaj tagoj de la kongreso.

- En la kongresa oficejo (Kongresshaus) vi trovos ĉiam dum la tagoj dejorantaj LKK-anoj aŭ helpantoj, kiuj estos je via dispono.

- La eksterordinara poŝtoficejo en la kongresejo kun speciala esperanto-poŝtstampo funkcios Lundon 12.5. kaj mardon 13.5. je 9-a ĝis 13-a horo.

- Libroservo ankaŭ funkcios, kie vi povos aĉeti : librojn, diversajn insignojn, kolorajn vidaĵkartojn kun esperanto teksto, belajn kruĉojn kun glumarka motivo - tre taŭgaj objektoj kiel donacoj al amikoj k.t.p. (la prezo estas tre favora, proks. la duono de similaj en magazenoj).

- La ĉijara temo de la fakprelego estas : « La aŭtotransportado tra la fervoja tunelo inter Salzburg kaj Karintio », ĝin prezentos s-ano dipl. inĝ. Tschom.

- LKK petas la kongresanojn : ĉiam veni akurate al la aranĝoj !

- LKK petas la kongresanojn : ĉiam kunporti la kongresan karton !

- LKK petas la kongresanojn : ĉiutage legi la nigran tabulon !

- LKK intencos aranĝi en la kadro de la junulara programo - lingvan konkuron belaj kaj valoraj premioj atendos la partoprenontojn (J. Geroldinger agis pri la afero). Unua temo : Ĉu Aŭstrio estas inda lando por la fremdultrafiko ? — paroldaŭro 4-6 minutoj ; Jam nun vi povas prepari la paroladon, dum la konkuro eblos rigardi al paperaj notoj. Dua temo la partoprenontoj ricevos ĝin antaŭ la komenco de la konkuro, paroldaŭro 2-3 minutoj. Bonvolu laŭ eble tuj anonci vian intereson resp. partoprenon al la LKK (tre grava afero pro la gazetaro — propagandcele por esperanto).

- Piedpilkludo kontraŭ anoj de la « SPARDA » (fervoja banko, kiu servas por kaj dum nia kongreso) estos aranĝata.

- La kongreso finos vendredon posttagmeze, okaze la tuttaga ekskurso en Klagenfurt, Messehalle (foirhalo, 10 minutoj proksime de la fervoja stacio). Tagmanĝo tie inter 13-a kaj 14-a.

- Kongresanoj kiuj ne partoprenos la postkongreson kaj intencos resti en Villach ankoraŭ la nokton de vendredon al sabato (16.-17.5.) kaj ne indikis tion sur la mendilo /manko en la mendilo/ bv. tuj post la alveno en Villach informi la LKK.

- La partoprenontoj al la postkongreso kune forveturos de Villach sabaton 17.5.1975 per trajno je la 10-a 20.

- Se vi — kara IFEF-ano — ankoraŭ ne aliĝis al la 27-a, bonvolu tuj fari ĝin. LKK deziras al vi agrablan vojaĝon al la kongresurbo Villach kaj bonan restadon en Aŭstrio.

- LKK-informservo petas alsendon de ĉiuajn publikaĵojn, kiuj koncernas la 27-an Kongreson, ĉu en nacia — aŭ ĉu en la internacia lingvo, dankon !

GEROLDINGER.

---

# LA TUTTAGA EKSKURSO !

## KLAGENFURT

La ĉefurbo de Karintio, Klagenfurt, estas la fincelo de nia tuttaga ekskurso.

Jen nur kelkaj gravaj organizaj informoj. Ni kolektiĝos la 16-an de majo, je la 8.30 horo, en la ĉefstacidomo de Villach, kie OBB disponigos al ni apartan vagonaron. Grava fakto por partoprenontoj, kiuj ne plu revenos al Villach, ĉar ili povos lasi siajn valizojn en gardata vagono. Post ĉa. 20 minuta veturado ni atingos la famekonatan ejon « Velden am Wörthersee ». Tie ni elvagoniĝos (sen valizoj) kaj promenados tra la bela urbeto Velden, al la bordo de la lago de Wörth (Wörthersee), kie atendos nin ŝipo (j). Por ĝui la atmosferon de tiu ĉi belega regiono, ni veturos zigzage tra la 17 km longan lagon. Post ĉa. 1 hora ŝipveturado ni atingos la bordon de Klagenfurt. De tie ni promenados tra la Eŭropa-parko al la miniatururbo « Minimundus ». Pri ĝi vi povas legi artikoleton en IF n-ro 1-1975. En Eŭropa-parko ni preteriros arbon kun nemorta-

bulo, plantita okaze de « Trilanda Esperantista Renkonto » (Aŭtrio-Italio-Jugoslavio), en la jaro 1972.

Antaŭ la enirejo de Minimundus salutos la urbestro de Klagenfurt la kongresanaron. Por la vizito de la miniaturbo estas antaŭvidita minimume 1 horo, ĉar ĝi ja prezentas siamaniere apartan internaciecon. Do, speciale por ni esperantistoj, konvena vidindaĵo. Per urbaj aŭtobusoj ni pluveturos rekte al la foirhalo (Messehalle), kie ni ĝuos, je la 13.00 horo, komunan tagmanĝon kaj finfine la solenan fermon de la 27-a IFEF-Kongreso. Je la 17.00 horo estas programfino, ĉar post tiu tempo ekveturas rektaj trajnoj al Romo (17.30 horo) kaj al Vieno (18.06 horo).

Gesamideanoj, kiuj deziras ekveturi, je la 16.04 horo, per la « Aŭstriaekspreso » (Klagenfurt - Hoek v. Holland) estos gvidataj ĝustatempe al la ĉefstacidomo, por akcepti la valizojn k.t.p

La postkongresontoj kaj ĉiuj, kiuj ankoraŭ restos en Villach, reveturos tien denove per rezervita vagonaro, ĉa. je la 17.30 horo.

Per la « Wörthersee-ekspreso » ekveturos la postkongresontoj sekvonttage, je la 10.20 horo, al Salzburg. Ili trovos sidlokojn en apartaj vagonoj.

Martin STUPPNIG/GEROLDINGER.

---

## POST... la Post-Kongreso...

Niaj ĉeĥaj amikoj rekomendas al la partoprenontoj de la Kongreso en Villach, la viziton de la Esperanto-Renkontiĝon kiu okazos en PLZEN, de la 22/5 ĝis la 26/5.

La programo enhavas ekskursojn, konferencojn, amuzajn vesperojn...

Por ĉiuj informoj kaj ricevi aliĝilojn, sin turni al :

ZK ROH ŠKODA PLZEŇ
KOPECKEHO SADY
E - Krouzek
300.00 PLZEN - ĈEĤOSLOVAKIO

---

## JARRAPORTO DE LA SEKRETARIEJO PRI 1974

**Ĝenerale**

Por plifaciligi komparon kun pli fruaj jarraportoj, ni ankaŭ ĉifoje aplikis similan skemon, santempe klopodante, plejeble koncizigi la raporton, sen forigi el ĝi la necesajn indikojn. Valoras ĝin studi kun samtempa uzo de la respektivaj numeroj de « Internacia Fervojisto ».

**Niaj mortintoj**

Denove ni perdis membrojn, nome en

Britio : Cliff Parry

Francio : Maurice Mongeois

Germanio : Anna Kappel, Richard König, Ernst Meirich, Anton Fath, Edzino de Otto Denk

Italio : Lucia Terrazzani

Jugoslavio : Ludoviko Prebil, Branka Maksimoviĉ, Rudolf Vajdiĉ

Hungario : Lajos Dèr, Georgo Divald, Johano Juranyi

Svislando : Henri Marten

**Membrostato** (IF n-ro 1/75)

Denove kresko de 2919 al 2974, t.e. pluso de 55 membroj. La ĉefaj kontri-

buantoj ĉi-jare estas Francio (+ 40) kaj Italio (+ 15). Notindas, ke Francio jam la duan fojon en du jaroj montris kreskon de po 40 membroj. Jen ĝojiga konstanta evoluo supren. Sed ankaŭ Bulgario ĉi-foje zorgis por pli bonaj ciferoj (+ 30), dum niaj ĉeĥoslovakaj amikoj duan fojon devis suferi membroperdon (— 25), en du jaroj 40 % da sia membraro. Ni ĝoju kun la bulgaroj, sed esperu kun la ĉeĥoj kaj slovakoj, ke ili baldaŭ povu konstati pliboniĝon de tiu situacio. Ankaŭ la adopta sistemo ree sukcese kontribuis al la helpeblecoj por kolegoj el nepagipovaj landoj. Koran dankon ĉi-loke al ĉiuj subtenintoj. Rilate pagon de la kotizoj bonvolu ankaŭ kompari la jarkalkulon en IF 1/75.

Entute ni ne estu malkontentaj pri la evoluo de la membronombro. Kaze ke ankoraŭfoje la komencinta jaro montros similan rezulton, ni denove povus atingi la magian nombron 3.000.

**Honorigoj**

Ankaŭ en 1974 la Honora Patrona Komitato restis senŝanĝa. Taŭga okazo por honori Otto Walder, la meritplenan ekskasiston de IFEF, estis lia eksiĝo el la estraro. El la mano de la oficiala reprezentanto de la Internacia Federacio de kulturflegantaj Fervojistoj, Georges Gilles, li ricevis la oran FISAIC-medalon vespere la 13-an de majo.

Kvankam modesta honorigo nur povis okazi en formo de disko, transdonita flanke de la estraro, nepre menciindas ĉi tie,

> ke la prezidanto de FERN, J.J. Labordus, de 25 jaroj plenumadis tiun oficon en 1974,
>
> kaj ke nia itala kolego Gino Corso estas honorigita flanke de la itala ministro pri laboro por la pli ol 25-jara agado por Esperanto kiel fervojisto.

**Interna laboro**

En 1974 alvenis en la sekretariejo 439 kaj estas forsenditaj 463 korespondaĵoj, kiuj nombroj ne inkludas dekojn da leteroj skribitaj kaj ricevitaj de la ceretaj estraranoj. Kiel kutime alkalkuliĝas kelkaj cent revuoj el la Esperanto-mondo daŭre trastudendaj de la estraranoj.

**Estrara agado**

Okazis dufoje kunvenoj, nome komence de marto en Singen kaj en novembro en Aachen (ambaŭ Germanio). Daŭris la plenfida, amika komuna laboro en la estraro, kaj ankaŭ la ĉefkomitatano, kiu estis invitita kiel gasto, daŭre pozitive kontribuis en tiu kunlaboro. La estraro klopodis, helpe de celtrafa traktado de ĉiam sufiĉe ampleksaj tagordoj trovi plejeble bonajn solvojn por la bonfarto de la federacio.

Ankaŭ en 1974 estraranoj vizitis diversajn aranĝajojn de niaj landaj asocioj, nome la prezidanto estis en Zalaegerszeg (Hungario), Bamberg (Germanio) kaj Drongen (Belgio), la vicprezidanto en Breda (Nederlando), Gresillon (Francio), Bamberg (Germanio) kaj Drongen (Belgio), la sekretariino en la Internacia Skisemajno sur Pohorje (Jugoslavio), Zürich, Bamberg, Verona (Italio), la kasisto en Danlando kaj Svedio.

Krome la vicprezidanto vojaĝis al Villach por esplori la tiean situacion.

**Laborplano**

Por povi observi la plenumadon de la laborplano rekomendindas kompari la respektivajn ciferojn de la resumo pri la jarraportoj (IF paĝo 43).

Tiu ĉi resumo cetere lastfoje estis kompilita de Otto Walder. Ek de nun ĝin verkos W.L. van Leeuwen.

Ankoraŭ ne eblis aperigi en IF la fakprelegan tabelon anoncitan en la

jarraporto 1973 pro manko de rimedoj kaj spaco. Ni tamen ne perdos tiun intencon el la okuloj.

En Tarragona kolego Walder prezentis kelkajn kolektaĵojn de kolorfotoj pri ĉiuj kongresinsignoj de la unuaj 25 IFEF-kongresoj. Ilin fotografis la dana kolego Rasmussen. La kolektaĵoj estis venditaj al interesuloj. Sendube trovas lokon sub rubriko « laborplano » ĉiuj klopodoj por plivastigi la federacion. Sur tiu linio menciindas unuaj palpoj en Portugalio, kiuj pro la ankoraŭ ne klara situacio tiea ĝis nun restis suprajaj. Ni tamen daŭrigos esti agema. Unu portugala kolego membriĝis.

En Tarragona estis proponita starigi « Japanan Fonduson », kies ekzisto ebligu iam kaj tiam por japana kolego la viziton de IFEF-kongreso. Ni dankas ankaŭ ĉi-loke al la ĝisnunaj kontribuantoj.

Malĝoja fakto estis, ke post ŝanĝo de redaktoro kaj presejo el Norvegio al Francio la prezo por la presado de IF tiom abrupte plialtiĝis, ke en 1974 ni nur povis aperigi 5 numerojn. En la redaktora raporto oni pli detale povas sin informi.

Raportojn pri la kunsidoj de la Terminara kaj Fakprelega Komisionoj ankoraŭ ne troveblis en la IF-numeroj de 1974, bedaŭrinde. Tiel ni jen nur povas sciigi, ke elektiĝis la du komisionaj sekretarioj, nome kolegoj Jovan Ladjeviĉ (Jugoslavio) resp. Otto Rösemann (Germanio). Ni esperas, ke tamen la membrano ankoraŭ ion povos ekscii pri la agado de tiuj du komisionoj.

Kiel ĉiujare la ĉefkomitatano — post diskutado kaj en Tarragona kaj en la estrarkunsido Aachen — sendis la demandilojn al la komitatanoj por kompili la deziritajn detalojn pri la agado en la landaj asocioj. Tamen ni devas konstati, ke la kunlaboro inter la LKK en Tarragona kaj la Fakprelega Komisiono tute ne kontentigis, pli precize, ke LKK ne plenumis la kondiĉojn de la statuto « aldono III ». Sekve ekestis konsiderindaj komplikaĵoj en la lastaj tagoj kaj eĉ horoj antaŭ la fakprelego. Estus vere dezirinde, ke estontaj LKKoj sufiĉe frue priatentu tiun gravegan por la kongreso aferon.

Krome estas nekompreneble, ke en voĉdonado, laŭstatute aranĝita de la ĉefkomitatano, el 29 komitatanoj nur respondis 13, tiel nevalidigante la voĉdonadon. La estraro tre malĝoje konstatas tiun fakton kaj lasas al la koncernaj komitatanoj, tralumigi sian propran sintenadon.

**Junularo**

La pensoj eldiritaj lastjare pluvalidas. Ankaŭ tio estas bedaŭrinda. Tamen ni povas konstati, ke en Tarragona transprenis juna, talenta kaj kuraĝema kolegino la gvidadon de la Junulara Sekcio, nome fraŭlino Mirella Merlani (Italio). Al ŝi ni deziras plenan sukceson en ŝia tiom grava laboro kaj esperas, ke la gejunuloj, ekzistantaj en diversaj landoj, ne lasos ŝin sola.

**26-a kongreso**

Ĝi okazis de la 11-a ĝis la 17-a de majo en Tarragona (Hispanio) kun 648 kongresanoj el 17 landoj. Ne estis reprezentataj la eŭropaj landoj Bulgario, Polio kaj Rumanio. Raportojn kaj prelegtekstojn ni trovas en IF 3 kaj 4. Jen ni substreku kelkajn elstarajn faktojn pri tiu kongreso :

— belega krongresejo situanta proksime al la marbordo enmeze de arboj, kun ĉiuspecaj salonoj kaj ĉirkaŭata de agrable ekipitaj kabanoj, kie povis loĝi centoj da kongresanoj,

— inaŭguro, kiu krom la kutimaj paroladoj prezentis karakterizan « hispanajon » en formo de gajaj gitarludantoj,

— modernstila, sed tamen solena ekumena diservo en la apudkongreseja arbarpreĝejo,

— akcepto de estraro, komitato kaj aliaj gastoj ĉe la urbestro de Tarragona,

— inaŭguro de nova konstruaĵo de Esperanto-muzeo en Sant Pau de Ordal,

— akcepto de la tuta kongresanaro flanke de la urbestro de Villanueva y Geltru en la tiea muzeo por vaporlokomotivoj,

— interesa fakprelego pri la hispanaj fervojoj,

— rezolucio (IF p. 46) direktita al la fervojoj kaj fervojistaj sindikatoj,

— eksiĝo de la du estraranoj Otto Walder kaj Per Johan Krogstie kaj novelekto de la estraro, kiu nun konsistas el prezidanto Joachim Giessner (Germanio), vicprezidanto W.L. van Leeuwen (Nederlando), sekretariino Elfriede Kruse (Germanio), kasisto Henning Haŭge (Danio), kaj redaktoro Guy Delaquaize (Francio),

— forumo unuan fojon en IFEF-kongreso kun interesaj demandoj kaj respondoj,

— ravaj ekskursoj, bela teatra vespero kaj elstara folkora vespero.

Kiel kongresloko por 1975 elektiĝis Villach (Aŭstrio), kiel kongreslando por 1976 Svedio.

**Informado**

Kiel jam en la antaŭaj jaroj ni koncize informis la membrojn de la Honora Patrona Komitato pri nia agado, same la Internacian Federacion de Transportlaboristoj (ITF). Plura informado okazis ĉefe sur landa nivelo. Pri tio bonvolu informi vin en la resumo sur paĝo 43 IF. Ankaŭ komparu ĉi-sekve « Eksteraj rilatoj ».

**Eksteraj rilatoj**

1. **UEA** Antaŭ kaj dum la 59-a Universala Kongreso en Hamburg regis vigla kunlaborado inter la germana landa asocio (GEFA) kaj LKK. Por la fervojistoj estis organizita la tradicia kontaktkunveno sub la devizo « Fervojista Tago - internacia ». IFEF estis reprezentita de sia Komitatano A, d-ro Bácskai (Hungario). En la unua Ĝenerala Kunveno salutis por IFEF ties prezidanto J. Giessner. Oficiala giĉeto de la Germana Federacia Fervojo (DB) funkciis kun 6 GEFA-membroj la tutan semajnon (vidu IF p. 66). La danaj kolegoj jam komencis preparojn por la 60-a UK en Kopenhago. Post la eventoj antaŭ kaj en Hamburgo la estraro atente observos la evoluon en UEA kaj ties pluran sintenadon laŭ ĉiuj vidpunktoj.

2. **FISAIC** La rilatoj daŭris esti bonaj. La oficiala reprezentanto de FISAIC en Tarragona (S-ro Georges Gilles, Belgio) tie ĉeestis preskaŭ la tutan kongreson. Li fariĝis membro de nia belga sekcio kaj kapablas jam bone konversacii en Esperanto. La estraro en 1974 ne ricevis ian ajn raporton aŭ statistikon de la FISAIC. Tamen laŭ niaj scioj oni tie kompilas minimume statistikan superrigardon pri la farita laboro. Kaj pro tio daŭre restos gravega tasko de niaj landaj asocioj konatigi al siaj landaj sekcioj de la FISAIC ĉiujn siajn aktivecojn. Alia-

flanke rekomendindas peti de tiuj sekcioj la ĉiujaran protokolon de iliaj ĝeneralkunvenoj, por esti informita.

3. En la « **Jarlibro pri Internaciaj Organizaĵoj** » (Yearbook of International Organizations), eldonita de Union of International Associations en Bruselo, IFEF okupas samrangan lokon inter 4310 ĉiuspecaj internaciaj organizaĵoj. La enlistigo estas senkosta. La publikaĵo similas al tiu en la UEA-jarlibro, sed ne tiom ampleksa.

Bonvolu ekkoni el la ĉi-supra raporteto, ke en la pasinta jaro same kiel en la antaŭaj multaj anoj de nia federacio sur ĉiuj niveloj, en ĉiuj pozicioj donis siajn fortojn por progresigi la federacion. Ne konsiderante la Junularan Sekcion, kies stato estas nekontentiga, oni povas konstati en multaj landoj fruktodonajn klopodojn.

Dankon al ĉiuj kontribuintoj !

Frankfurt/Main,
la 31-an de januaro 1975
Elfriede KRUSE,
Sekretariino.

# REDAKTORA RAPORTO

La intenco de la iama IFEF-Redaktoro, S-ro P.J. Krogstie, eksiĝi el la redaktora funkcio, akordiĝis kun kreskantaj personaraj komplikaĵoj en la tiama norvega presejo de IF. Krome minacis konsiderindaj prezaltigoj.

Multaj faktoroj premis do al novordigo de tiuj problemoj kaj, dum la Tarragona Kongreso, estis elektita nova redaktoro el Francio La prezo de la presado en tiu lando estas bedaŭrinde ankaŭ tre alta kaj, krome, la franca leĝo devigas pagi gravan aldonan imposton (20 %).

Malgraŭ longaj streĉoj kaj klopodoj de la redaktoro ĉe diversaj instancoj, estas nun tute certe, ke ni ne plu povos eviti tiun pezan imposton kaj eĉ, samtempe ,ni devas suferi novan plialtigon de la presprezo.

Tiuj du faktoj estas vere gravaj problemoj por la buĝeto de IFEF, kiu devos trovi taŭgan solvon tiurilate.

Koncerne la eksteran aspekton, la bultenoj faritaj en Francio montras malmultajn ŝanĝojn kompare kun la antaŭaj ; nur la papero estas iomete malpli dika kaj la literoj iom pli grasaj.

Krom escepto por IF 3/74, la formato restas la sama.

Koncerne la artikolojn, la redaktoro dankas la verkintojn, sed devas konstati, ke plej multe verkas la IFEF-estraranoj, la ĉefkomitatano kaj la LKK.

Malgraŭ alvokoj, la sekcioj restas tre silentemaj ; anoncoj de la kunvenoj ne estas ofte senditaj al IF, kiel estis decidita laŭ kongrespropono unu en Tarragona.

Aliflanke, ni ne devas forgesi la fakan parton, kiu estas la plej trafa argumento de la valoro kaj utileco de Esperanto ĉe la altaj fervojaj instancoj.

Fervojaj artikoloj estas tre bonvenaj de ĉiuj sekcioj, se eble kun fotoj. Ĝenerale, la bulteno ne sufiĉe respegulas la aktivecon de la tuta IFEF-membraro kaj sekve ĝi estas, laŭ nia opinio, iom tro administracia. Kontraŭrimedo povas esti nur la aktiva kunlaborado de ĉiuj.

Do, spite al la financa problemo supre menciita, ni ĉiel celos plibonigi nian organon kaj atingi interesplenan bultenon, kiun la legantoj ricevas kaj legas atente kun plezuro kaj profito.

IF devas esti, pere de la redaktoro, ligilo inter ĉiuj membroj de nia federacio.

la redaktoro,

# NEKROLOGOJ

**DANIO**

La 4-an de februaro 1975 mortis unu el niaj plej fidelaj membroj : P.C. Pedersen, Arhus.

Li naskiĝis 22/9 1895, dungiĝis ĉe DSB 1/3 1920 kaj emeritiĝis en 1962.

Li esperantiĝis 1948 kaj partoprenis la fondiĝan kunvenon de DEFA 20/3 1948, kaj dum la sekvantaj jaroj li prizorgis plurajn funkciojn.

Li estis LKK-helpanto dum la 1-a kaj la 10-a IFEF-kongresoj okazintaj en Arhus, gvidanto de Libro-Servo de DEFA 1949 - 1957, kongresdelegito dum la IFEF-kongreso en Linz 1959, kaj multjara sekretario de nia Arhusa grupo.

Al la familio ni sendas niajn kondolencojn kaj ni esprimas : ke PC ripozu pace.

Kensing.

**« Stoffer » mortis.**

La 11-a de marto mortis unu el la danaj pioniroj de la fervojista esperanto-movado : Johannes Christoffersen, konata kiel « Stoffer » aŭ Jico.

Li naskiĝis en 1892 kaj esperantiĝis en 1932. Ekde 1935 li istis instruisto de pluraj esperanto-kursoj.

Stoffer estis kunfondinto de DEFA la 20-a de marto 1948,, kaj li ankaŭ partoprenis la fondigon de IFEF en Amsterdam la 4-a de aŭgusto 1948. Li partoprenis la konferencon en Wien en 1948.

Li estis sekretario de DEFA 1948-1953, sekretario de la 1-a kaj 10-a IFEF-Kongresoj. Plurfoje li estis DEFA-delegito ĉe IFEF-kongresoj. Li estis honora membro de DEFA ekde 1958, kaj en 1973 dum la jubilea IFEF-kongreso li ricevis la arĝentan FISAIC-medalon, kiun donis al li la ĝenerala prezidanto de FISAIC.

Mi scias, ke multaj IFEF-membroj konis Stoffer kaj kun ni sentas la perdon de granda pionoro.

DEFA-prezidanto.

**SVISIO**

Kiel ni eksciis kun iom da malfruo mortis la 24-an de oktobro 1974, post 47-jara aparteno al nia Asocio, nia fidela amiko

Henri MARTIN

En internaciaj kaj naciaj kunvenoj oni malofte, dum la lastaj jaroj tute ne plu, vidis nian amikon, dume preskaŭ regule oni povis renkonti kun li, minimume en la Zamenhof-festoj de la laborista grupo de Lausanne.

Li ripozu en paco !

SAEF.

# EL LA LANDAJ SEKCIOJ

## HUNGARIO

### Hungaraj aktivecoj

Brila suno kaj printempa temperaturo akompanis nian restadon en Budapeŝto inter la 18-a kaj 21-a de januaro 1975. Celo de nia vizito estis reprezentado de IFEF, k-go Greutert, kaj de la svisaj esperantistoj, k-go Walder, dum laborkunsido de Hungara Esperantista Fervojista Fako (HEFA, sekcio de IFEF). Tiu laborkunsido okazis la 19-an de januaro, partoprenis ĝin 40 grupaj reprezentantoj el tuta Hungario, krome reprezentanto de la fervojista sindikato, S-ro Belá TOBIAS, kaj de la prezidantaro de Hungara Esperanto Asocio, S-ro Aurèl PONORI THEWREWK.

La laborkunsidon gvidis D-ro Ferenc PHERSY, kiu malferminte salutis kaj bonvenigis la ĉeestantojn. D-ro BACSKAI rememorigis la mortintojn (inĝ. Lajos DER, inĝ. Georgo DIVALD, Johano JURANYI) kiuj lasis senteblajn truojn en la vico de aktivaj kunlaborantoj. Honore al la « Jaro de Virinoj » la ĉeestantaj virinoj estis regalitaj per floro. D-ro Mihály SZEGEDI raportis hungare pri la aktivecoj de la pasinta jaro. Por la eksterlandaj gastroj li resumis esperante. Hungario dum 1975 festos sian 30-jaran liberiĝon. Hungaraj esperantistoj aktive partoprenis en la rekonstruo de la lando sub nova socisistemo. MAV dum 1975 enkondukos la 44-horan laborsemajnon De 1957 regule aperas la oficiala HEFA-organo « Hungara Fervojista Mondo ». HEFA en 1973 nombris 439 membroj, kreskis dum 1974 al 470 membroj, el kiuj 201 estas membroj de IFEF. HEFA aranĝis kursojn en fervojaj riparejoj kaj profesiaj fervojaj lernejoj. D-ro BACSKAI prezentis labor-programon kaj budĝeton. La 5/6-an de julio oni okazigos en la 900-jara urbo Szolnok « Amikan Fervojistan Renkontiĝon ». La plej ofte uzata esperanto-libro estas la oficiala horaro, kiu denove enhavas la klarigojn en la internacia lingvo. Fine mencias d-ro Bacskai ke per nia aktiva kunlaboro en la sindikatoj ni atingos aktivan kunlaboron de la sindikatoj por la disvastigo de Esperanto. Sekvis la oficialaj salutoj transdonitaj de k-goj Greutert kaj Walder. Post mallonga paŭzo raportis la delegitoj pri la grupaj aktivecoj. S-ro Belá TOBIAS, nome de la sindikato salutis kaj substrekis, ke la sindikatoj ĉiam favoras Esperanton. Daŭre helpis, helpas kaj espereble estonte ankoraŭ pli povos subteni morale, materie kaj finance. D-ro BACSKAI akceptas ankoraŭ kelkajn precizigojn rilate faritaj skribaj raportoj, respondas kelkajn demandojn kaj poste invitas ĉiujn al komuna tagmanĝo.

Lunde 4-kapa esperantista delegacio konsistanta el d-ro Bácskai, Pál Kristek, Otto Walder kaj Kurt Greutert estis akceptita de S-ro János GULYAS, sekretario de fervojista sindikato kaj respondeca redaktoro de « MAGYAR VASUTAS » (sindikata gazeto aperante 2-foje monate). Pli ol duhora diskutado en agrabla amikeca atmosfero pri la problemoj de interhomaj rilatoj demonstaciis nian lingvon kaj komprenigilon antaŭ tiu funkciulo. Niaflanke ni ricevis valorajn informojn.

Marde sekvis akcepto, denove la sama 4 kapa delegacio, ĉe la ministro de trafiko kaj poŝto, inĝ. Karoly RODONYI, kiu estas membro de la Honora Patrona Komitato de IFEF. La celo de niaj vizitoj, atentigi pri la lingva problemo kaj ĝia solvo pere de Esperanto, ŝajnas esti plene atingita.

Necesas danki al d-ro Bacskai kaj ĉiuj siaj helpantoj, kiuj ek de nia alveno ĝis nia forveturo modele zorgis pri nia bonfarto kaj helpis havigi al ni agrablan kaj instruan restadon.

Fine de mia raporto ne manku atentigo por niaj legantoj pri kelkaj elstaraj hungaraj periodaĵoj. Estas ja mirinde, ke la hungara esperantistaro sukcesas eldoni tiom variajn elstarajn kaj valorajn revuojn. Tiuj publikaĵoj ne nur meritas esti legataj, sed ankaŭ subtenataj. Vi farus tion je via persona profito.

« **Hungara Vivo** ». Kultura revuo kun tre alta nivelo literatura. Raportas antaŭ ĉio pri la vivo en Hungario, luksa papero, bona preso. Komparebla laŭ nivelo kaj aspekto nepre kun la revuo « Esperanto » de UEA.

« **Hungara Fervojista Mondo** ». Momente la plej bona fervoj-faka gazeto en Esperanto. El faka vidpunkto nepre menciindas la artikoloj de inĝ. L. Boronkai.

« **Juna Amiko** ». Revueto por gejunuloj kun varia tre interesa internacia enhavo. Instrua legaĵo plej ŝatata de 12 ĝis 1-6 jaruloj.

« **Budapeŝta Informilo** ». Monata, 24-paĝa, ofsetita informilo pri la manifestacioj kaj aranĝoj sur Budapeŝta teritorio. Plej evidenta atestilo pri la diversspeca kaj elstara aktiveco kiu regas sur esperanta kampo en tiu urbo kaj ĝia regiono. Imitinda.

Kurt GREUTERT.

## ITALIO

### La 16-a IFES okazis en la Dolomitoj



La Internacian Fervojistan Esperanto-Skisemajnon ĉijare invitis Italio, pli precize la vaste konata familio Gimelli el Bologna. La triopo kuraĝe batalis kontraŭ diversflankaj obstakloj dum la laborriĉa preparjaro kaj eĉ dum la skisemajno mem.

Preskaŭ 60 geamikoj de la vintra sporto el la landoj Aŭstrio, Belgio, Francio, Germanio kaj Italio ne povis rezisti la tenton, skigliti sur la idiliaj deklivoj de la dolomita montarregiono, eluzante la mirinde vastan reton de tren- kaj seĝoliftoj kaj gondoltelferoj. La tutan semajnon ni havis brilan sunlumon, kiu plibonigis la neĝon dumtage, sed ankaŭ fordigelis ĝin iomete... tamen la blankaĵo restis abunda. Por

plene eluzi la kvazaŭ fabelan miksaĵon el neĝo, suno kaj panoramo multaj el ni anstataŭ tagmanĝi petis lunĉpakaĵon, kiun volonte disponigis la doma kuirejo.

La aranĝo estis iomete ĝenata pro la rigidaj kaj malavantaĝaj manĝohoroj kaj pro la fakto ke la Alpa Domo de la « Postlabora Fervojista Unuiĝo Itala » en Plan Val Gardena nur duone estis je nia dispono, la alian 50 % an spacon okupis italaj fervojistoj kun familianoj. Tio signifis, ke niajn vesperajn programojn partoprenis ankaŭ nacilingvaj fervojistoj italaj. Ili ege ĝuis niajn komunajn dancojn (precipe la « surprizan » dancon de la franca junularo), ludojn kaj la karnavalan vesperon ; tion atestis la viglaj — sed precipe laŭtaj — temperamenteksplodoj de la « sudlandanoj ». Ni esperu, ke la varbefiko por Esperanto inter ili estu same evidenta...

Bonorde okazis la tradiciajn lingvo- kaj skikonkurojn. Ĉiu laŭpove penis kontribui al la konkuroj. Eĉ neniu el la ankoraŭ ne esperantigitaj partoprenantoj eskapis : kun helpo de amiko ili laŭtlegis preparitan tekston minimume same bone kiel urbestroj aŭ aliaj eminentaj moŝtoj okaze de kongresaj inaŭguroj... La Pokaloj, medaloj, diplomoj kaj premioj estis abundaj ; fiere kaj dankeme la gajnintoj akceptis la atribuaĵojn. El la multaj gajnintoj mi ĉi-tie nur nomu Joseph Weidacher el Germanio, kiu atingis 82,6 poentojn el la kombinita lingvo- kaj skikonkuro kaj per tio prave meritis la IFEF-premion.

Kiam kaj kie okazos la 17-a IFES ? La IFEF-junularo tion decidos dum la kongreso en Villach. Por ebligi al kelkaj geamikoj partopreni kaj la Linzan Esperanto-Skisemajnon (LES) kaj IF ES jam hodiaŭ la peto, ke la internacia skisemajno ne okazu inter la 14-a - 21-a de Februaro 1976, ĉar ĵus tiam estos la LES-renkontiĝo, denove sur la montara domo « Strussing » super Werfenweng.

Elkoran dankon ankoraŭfoje al familio Gimelli pro ilia senlaca sindono. Ni ne nur havis belaspektan insignon, tre utilajn prospektojn de la dolomita regiono, sed ankaŭ desegne ilustritan programbroŝuron kaj « etan kantaron ». Nia danko inkluzivas la du skiinstruistojn el niaj vicoj : Johano Mevel (Francio) kuraĝigis (pli ofte konsolis) la komencantojn kaj Max Finkenzeller (Aŭstrio) celtrafe pelis la progresintojn al pli bonaj kapabloj.

Elisabeth RITTERSPACH.

## SVISIO

### INVITO

al la 16-a EŬROPA FERIO-SEMAJNO
en SVISLANDO

de la 31-a de aŭgusto ĝis
la 6-a de septembro 1975

Restadejo sur la monteto (648 m) apud Stansstad ĉe la Kvarkantona lago (Vierwaldstättersee) ; unike bela situo de Hotel FURIGEN en trankvila ĉirkaŭaĵo kun sana aero, taŭgaj ejoj por efktivigi Esperanto lecionojn diversgradajn kaj distrajn programojn vesperajn.

Sin anonci rapide al : S-ro Ernst GLÄTTLI, SAEF-Sekretario, Laurstrasse 17, CH-5200 BRUGG, Svisio.

La limdato por aliĝi estas la 31-a de julio 1975.

La EFS okazos sub la aŭspicio
de la Unuiĝo Arta kaj Intelekta
de Svisaj Fervojistoj (UAISF)
Rekomendas la partoprenon :
Internacia Fervojista
Esperanto-Federacio (IFEF)
Kore invitas :
Svisa Asocio de Esperanto-Fervojistoj
(SAEF)
kaj la respondecaj semajngvidantoj :
Hans Hunkeler kaj Ernst Glättli

# JUGOSLAVIO

## Duobla jubileo en Jugoslavio

## DUONJARCENTO DE ORGANIZITA MOVADO INTER JUGOSLAVIAJ FERVOJISTOJ

Jugoslaviaj fervojistoj esperantistoj festas en ĉi tiu jaro duoblan jubileon: 50 jarojn de organizita Esperanto-movado inter jugoslavia fervojistaro kaj 20 jarojn de ekzisto de Jugoslavia Asocio de Fervojistoj Esperantistoj (JAFE).

Interesiĝo pri lernado de la Internacia Lingvo vekiĝis tre frue inter jugoslavia fervojistaro. Oni scias ke jam antaŭ la Unua mondmilito (ŝajnas en la jaro 1907) en Rijeka oni faris la unuajn paŝojn por aliĝi al movado kiu komencis organiziĝi (la unua konata organizita kunveno de fervojistoj okazis en la jaro 1909 dum UK en Barcelona kaj tie jugoslavaj fervojistoj ŝajne ne partoprenis). Tamen la unuaj organizitaj sukcesoj estis atingitaj en la periodo post la Unua mondmilito kiam jam ekzistis organizaĵo de fervojistoj esperantistoj sur la internacia nivelo, antaŭulo de nuna IFEF. Tiam ĝi nomiĝis Internacia Asocio de Fervojistoj Esperantistoj (IAEF).

La unuaj fervojistaj Esperanto-societoj sur la reto de Jugoslaviaj Fervojoj estas fonditaj en la jaro 1925 en Beograd kaj Zagreb. Tion oni povas danki al kreskiĝanta interesiĝo de fervojistoj pri la internacia kunlaboro ĝenerale, sed ankaŭ al la fervoreco de tiam elstaraj aktivuloj: S. Stojnić, B. Maksimović, P. Butković, I. Puhalo, L. Prebil, J. Zupanić k.a. Ili disvolvis tre viglan aktivecon ne nur en la lando mem sed ankaŭ internaciskale.

La rezulto de ilia enlanda plifortiĝo kaj internacia kunlaboremo estis interalie transpreno de la gvidado de IAEF kiun jugoslavia estraro gvidis tre sukcese dum pluraj postmilitaj jaroj. Ili grave plifortigis la Asocion, redaktis la asocian organon « La Fervojisto » kaj en kunlaboro kun kolegoj en aliaj landoj atingis plurajn valorajn sukcesojn. Ekzemple la Trafika Ministerio de Jugoslavio faris decidon pri enkonkduko de Esperantaj surskriboj en pasaĝervagonoj sed poste tiu decido bedaŭrinde ne realiĝis pro financaj kaj aliaj kaŭzoj. Sub gvidado de jugoslavia estraro de IAEF oni atingis sukcesojn ankaŭ en aliaj landoj: oni presigis prospektojn kaj fervojajn horarlibrojn kun teksto en Esperanto, oni tradukis la Internacia konvencion pri la fervoja vartrafiko (CIM) k.t.p. Bedaŭrinde, post kelkaj jaroj de senlaca aktiveco la jugoslavia estraro de IAEF disiĝis pro diversaj kaŭzoj (translokiĝoj, malsanoj k.t.p.) kaj neniu alia nacia sekcio povis transpreni gvidadon de la Asocio. Post plurjara postmilita floro, la IAEF iom post iom ĉesis ekzistis.

Post la lasta milito jugoslaviaj fervojistoj esperantistoj la unuan fojon kunvenis dum la UK en Zagreb 1953. Tiam oni decidis fondi tutlandan organizaĵon kaj tiu decido estis efektivigita la 3-an de aprilo 1953 en Beograd dum la fondkunveno kiun preparis tiamaj (plej parte ankaŭ nunaj) aktivuloj: M. Maksimović, F. Debić, J. Zupanić, Milica Hrnčić (Milisavljević), G. Sredić, L. Sekereš, Š. Šalaga, D. Buha, R. Polenak, k.a.

La novelektita Asocia Estraro disvolvis viglan aktivecon koordinante laboron de jam ekzistantaj fervojistaj

Esperanto-societoj kaj fondante la novajn. Bedaŭ la nombro de societoj kaj grupoj grave altiĝis tra la tuta reto de Jugoslaviaj Fervojoj kaj jam du jarojn poste la movado estis tiel forta ke oni povis en Rijeka organizi la 9-an IFEF-kongreson (« neforgeseblan » kiel ofte nomis ĝin tiama prezidanto de IFEF Walis Stapel) kun partopreno de pli ol 350 kolegoj el pluraj landoj.

En la 20-jara ekzisto de Jugoslavia Asocio de Fervojistoj Esperantistoj precipe elstaras la aktiveco de JAFE sur eldona kampo. Dum tiu tempo (pli bone dirite precipe en la lastaj 10 jaroj kiam finiĝis organiza afirmiĝo) oni sukcesis aperigi plurajn valorajn verkojn kiuj atestas pri la faka taŭgeco de Esperanto : specialan lernolibron de Esperanto por fervojistoj (jam du eldonoj), broŝurojn « 40 jarojn de Esperanto inter jugoslavia fervojistaro » kaj « Esperanto ĉe Jugoslaviaj Fervojoj » (nacilingva kun resumo en Esperanto), novan tradukon de CIM, Fervojan terminareton kun 3000 fakaj terminoj, prospektojn, originalajn afiŝojn k.t.p En la jaro 1956 komencis en Zagreb aperi gazeto JUGOSLAVIA FERVOJISTO kiu baldaŭ fariĝis oficiala faka kaj organiza organo de JAFE. La tekstoj en Esperanto aperas regule ankaŭ en diversaj oficialaj eldonoj de Jugoslaviaj Fervojoj : horarlibro, Konversacia gvidlibro por trajnpersonaro, resumoj en fakaj libroj k.t.p.

Jugoslavia Asocio de Fervojistoj Esperantistoj donis ankaŭ en la aktuala postmilita periodo sian obolon al internacia kunlaboro per la regula kaj fervora aktiveco en IFEF en kadro de ĝiaj kongresoj, ĝiaj komitato, estraro kaj diversaj komisionoj. En la jaro 1971 oni ankoraŭfoje gastigis kolegojn el la tuta Eŭropo dum la 23-a IFEF-kongreso en Maribor kiun partoprenis pli ol 700 kolegoj el 18 landoj. Oni menciu ankaŭ organizon de sukcesa « fervojista tago » en kadro de la UK en Beograd kiam por la unua fojo okazis prelego pri fervoja faktemo en kadro de Internacia Universitato, aparta fervoja kunveno kun faka prelego, akcepto en la ĉefdirekcio kaj diskuto pri memadministra sistemo de Jugoslaviaj Fervojoj k.t.p.

Por la celebrado de tiu duobla jubileo oni antaŭ unu jaro akceptis tre abundan programon kiu ampleksis plurajn punktojn. La realigo de tiu programo estos unu el ĉefaj temoj dum la jubilea jarkunveno de JAFE kiu okazas la 20-an de aprilo en Maribor (pli precize sur montaro Pohorje kie ni ekskursis antaŭ kvar jarojn). La prijuĝo certe estos pozitiva kaj ni povas nur esperi ke oni estonte daŭrigos per la sama fervoro ĉar objektivaj cirkonstancoj precipe apogo de socipolitikaj kaj fakaj instancoj de Jugoslaviaj Fervojoj tion ebligas.

G. Sredić.

---

**NI RIDU**

Du montgrimpantoj pendas sur ŝnurego ĉe kruta roko.

Unua : Ĉu la ŝnurego estas kontentige firma por teni nin ? Al mi ŝajnaj, ke ĝi estas difektata per nia movo.

Dua : Ne gravas. Malsupre en la sako mi havas alian.

●

Jakobo : Imagu, ke heiraŭ mi venis hejmen kaj trovis en la lito mian edzinon kun angla sinjoro.

Stefano : Terure - kaj kion vi diris ?

Jakobo : Mi ne povis eĉ vorteton diri, ĉar mi ne scias la anglan, lingvon.

El « Monda Karuselo ».

# ANONCOJ

**IFEF**

**Korekto :** Notu bone :

**KONTO DE IFEF**

La numero de IFEF estas : 7353 - 35055 - 0.

La adreso estas : Provinsbanken - DK 9800 - HJORRING - Danio.

**ĈEĤOSLOVAKIO**

« Ladislav Láni, Pod vrchem 59, 31207 PLZEŇ 4, ĈSSR serĉas :

1. « Internacia Fervojisto » - n-roj: 2, 3, 7-1966 - 4-1967 - 2-1968 - 1, 3-1969 ;
2. serĉas pro septembra E-ekspozicio : kongresajn aliĝilojn, kongreslibrojn, kongresajn insignojn, kongresajn afiŝojn, prospektojn de kongresurboj, kongresajn ŝtampitajn eĉ poŝtajn kovertojn de j. 1966 - 1975 krom j. 1969.
3. serĉas pro septembra E-ekspozicio : IFES-materialojn de j. 1971-1975.

Pruntitajn materialojn mi resendos ĝis la 31-12-1975 !

Ĉu vi donacus ion ?

Kiu povus helpi al mi ? »

LANI.

**La Redaktfino por la venonta** IF estas 5.6.75
**Presejo : Editions Polyglottes - 232, rue de Charenton 75012 Paris - Francio**

**FRANCIO**

**Edziĝo :**

Nia amiko Jean MEVEL — antaŭa kromkomitatano por Junularo — edziĝis la 22-a de Marto kun Fraŭlino Annie Fordebras, kiu jam lernas nian internacian lingvon.

Plej sincerajn gratulojn al la esperantista paro.

**Du konataj IFEF-anoj edziĝis :**

Lastmomente ni eksciis, ke en Skelleftea (Svedio) la 22-an de februaro 1975 edziĝis S-ro Yngve Forslund kun S-ino Josette Bernier el Parizo. Al niaj ŝatataj geamikoj nome de la federacio plej sincerajn gratulojn kun la deziro por longa feliĉa komuneco.

IFEF-estraro.

**NORVEGIO**

**Al la Komitatanoj :**

« Norvega Esperantisto » daŭre estos sendata al vi sed okazas de tempo al tempo ŝanĝigo de komitatanoj. Pro tio, bonvolu sendi tuj sciigon pri ŝanĝoj, aŭ se vi ŝanĝis adreson, por ke la gazeto ĉiam estu sendota al la ĝusta ricevanto.

Odd Kolbrek, Kaldbakkstubben 22, OSLO 9, Norvegio.

**JUGOSLAVIO-SVISIO**

**Notu la adreson de :**

Gvozden SREDIĈ
Reinacherstrasse 62
CH 4053 BASEL
Svisio

La poŝtfako 563 en Beograd validas ankaŭ estonte kiel oficiala adreso de JAFE kaj redakta komitato de JUGOSLAVIA FERVOJISTO.